# La unuaj vortoj

Cyril Vergnaud

Kristnaskaj dekoracioj aperas en la stratoj kaj sur la fasadoj de la domoj.Infanoj senpacience atendas la vintran ferion jam revantaj al donacoj ke ili ricevos. Malproksime, trans la azia kontinento, en francio, miaj samlandanoj, preparas la UK-n kiu okazos en Lille en la venonta somero.

Tie ĉi en Tajvano, la jaro de la ĉevalo finiĝas kaj la rezulto estas pozitiva entute. 2014 estis plena de vojaĝoj por niaj esperantistoj. Ingrid kaj Yvonne iris al Ĉinio partopreni la Esperanto-Kurso en Shian universitato, Liru vojaĝis al Svislando kaj Francio, kaj Abengo partoprenis al NASK en Kanado.

Kaj pri la pli junaj, du alta-lernejaj lernantoj, ChuYing kaj Ting iris al Slovakio kie ili partoprenis la kurson de Stano Marĉek kaj renkontis esperantistojn el multaj landoj. Fine, Vinson forlasis Pingtung por studi arton en la bela kaj grandioza Romo.

Sed tiu jaro estis ankaŭ plena je kulturaj interŝanĝoj kaj vizitoj de eksterlandaj esperantistoj. Niaj tri amikinoj el Koreio (Minmin, Esther kaj Hela), du koreaj studentoj (Mondero kaj Juno), Azar el Irano, kaj Grego kaj Racio el Usono, donis ŝancon al tajvanaj esperantistoj malkovri iliajn kulturojn kaj paroli Esperanton. Ni ankaŭ havis viziton de la membro de Akademio de Esperanto, Hiroyuki Usui, Japano kiu laboras profesie ĉe El Popola Ĉinio kaj ni havis la grandan privilegion interparoli kun li kaj kundiskuti pri literaturo. Fine, laste sed ne malpleje, la poeto Jorge Camacho, denove, faris al ni la honoron de lia ĉeesto kaj festis kun ni la Zamenhofan Feston.

Do, ĉi tiu jaro kun ĝiaj okazaĵoj ne nur permesis nin havi bonan tempon sed ankaŭ pruvis denove ke Esperanto estas vivanta lingvo. Eble la jaro 2015 estos eĉ pli bona, riĉa je eventoj kaj renkontiĝoj, motivigantaj por niaj lernantoj. Mi esperas ke multaj novaj Esperantistoj aliĝos kaj alportos dinamismon al la Tajvana movado.

Cetere kiel vi rimarkas ĉifoje nia gazeto kaj la broŝuro de Zamenhofa Festo aperas kune. Ni pensis ke tiel ni povas krom ŝparo de tempo, ankaŭ doni la ŝancon al la partoprenantoj neEsperantistaj de nia festo scii pli pri nia agado kaj doni eblecon al tiuj legantoj kiuj ne partoprenis nian feston vidi kion ni faris por tio. Espereble la ideo plaĉas al vi!

# Raporto pri Tajvana Esperanto-Movado 2014

Reza Kheirkhah

## 1- Kursoj

En suda urbo Pingtung en Tajvano jam de longe koro de la Movado forte batas. Kursoj de Esperanto troviĝas tie kaj ĉiujara Zamenhofa festo okazas samurbe kaj alilandaj gastoj kutime vizitas tien.
在南台灣的屏東市，長久以來都是世界語運動脈搏強勁的心臟地帶。只在這裡有世界語課程和年年舉辦柴誕節。外國朋友們也常常來此拜訪。

Jen ni vidu la detalon pri la kursoj:
看看課程詳情：

### Kurso ĉe Komunuma Universitato:

社區大學課程：



Por la tria jaro tiu kurso havas lokon tie kaj ĉi-semestre aliĝis 9. Ĉiusemajne 2 hora kurso kunvenigas progresantojn kaj komencantojn de la urbo. Antaŭe gvidis la kurson Reza Kheirkhah kaj Ingrid Chuang kaj de ĉi-semestro givdas ĝin Cyril Vergnaud kaj Ingrid.

屏北社大世界語課程已持續三年了，本學期有 9 個學員。每週兩小時初階與進階學員一起學習。之前該課程由 Reza 和 Ingrid 引導，本學期起由 Cyril 和 Ingrid 共同指導。

## Kurso ĉe Pingrong lernejo: 14 lernantoj

屏榮高中：14 位學生




En tiu unu el la plej grandaj privataj mezalt-lernejoj en sudo de Tajvano (kun ĉ. 3000 studentoj) jam por la dekunua sinsekva jaro okazas Esperanto-kurso kadre de eksterkursa lecionaro. Kvankam la kutima nombro por malfermi la kurson estas 40, sed pro subteno de la lerneja sekretario la kurso kun kiom ajn studentoj ĉiujare estas malfermita. Ĉijare, kiel la pasintaj jaroj, ni uzas la lernolibron "Esperanto per rekta metodo" (de Stano Marĉek). Tiun kurson gvidis Reza kaj Ingrid.

在這所南台灣最大的私立中學之一 —屏榮中學（學生約有 3000 人）已經連續 11 年開設世界語社團班。雖然通常社團班要四十個人才開班，而因學務處的青睞，世界語社團並無人數限制。今年也和往年一樣，使用 Stano Marĉek 的《世界語直接學習法》。此社團班由 Reza 和 Ingrid 指導。

## Somera kurso ĉe la joga klubejo:

瑜珈生活哲思館暑期課程

Por helpi lernantojn memori sian lernadon, ni iniciatis novan kurson ĉe joga klubejo de nia lernantino Yvonne. Aliĝis 7 lernantoj. La kurson gvidis nia nova talento Cyril Vergnaud, franco kiu loĝas en nia urbo kaj komencis lerni Esperanton nur antaŭ du jaroj.

為了讓同學不忘所學，我們在 Yvonne 的瑜珈生活哲思館開暑期課程，有7位同學參加。本班由富有才氣的 Cyril 指導。他是兩年前開始學世界語，定居在屏東的法國人。

## Kurso en Tajpeo: 10 lernantoj

台北課程: 10 位學員

Ĝin gvidas Benjamin Irwin el Kanado kiu de antaŭ du jaroj loĝas en Tajpeo kaj en tiu ĉi jaro komencis novan kurson de Esperanto.
兩年前居住在台北，來自加拿大的班傑明·歐文 (Benjamin Irwin )今年開始教導世界語課程。

## 2- Formoza Folio, loka gazeto 台灣世界語報，本地雜誌




Nia loka gazeto nune aperas jare unufoje. Ĝi eldoniĝis en kvanto de 150 ekzempleroj kaj estis disdonitaj krom Tajvano en dekoj da aliaj landoj. Laŭ opinio de iuj Esperantistoj de alilandoj, ĝi estas unu el la plej bonaj lokaj gazetoj en la mondo, ĉu aspekte aŭ enhave kaj lingve.
Ĝin redaktis ĝis nun Reza Kheirkhah, reviziis Sabine Hauge kaj enpaĝigis Pit Hauge el Germanio, sed tiun ĉi numeron redaktis Cyril helpe de Reza, Ingrid kaj aliaj.
Cetere ekde la tiu ĉi jaro Formoza Folio estas legebla (iuj numeroj ĉefe la novaj) sur la reto. Kunlabore kun la Hispana Esperanto-biblioteko ni sukcesis surretigi kelkajn numerojn de nia gazeto. Jen la adreso:
http://www.esperanto.es/jspui/handle/11013/4362

本地雜誌每年出版一期，發行數量150冊，除台灣外，散發到十幾個國家。有些外國世界語者認爲它是世界上最好的地方性期刊之一，無論外觀、內容或文字方面。Reza Kheirkhah擔任編輯，德國的 Sabine Hauge 審閱， Pit Hauge 分頁。而本期由 Cyril 編輯，Reza, Ingrid 、王九逵教授和其他人協助。此外，今年開始《台灣世界語報》可以線上閱覽。與西班牙世界語圖書館合作，我們已成功上傳數期期刊。
網址如下：http://www.esperanto.es/jspui/handle/11013/4362

## 3- Vojaĝoj 旅行

En la pasinta jaro ni havis gastojn el eksterlando i.a. el Irano (D-rino Azar Karimi), Japanio (USUI Hiroyuki), Koreio (Esther, Hela, kaj Minmin en somero,Mondero kaj Juno en printempo), Hispanio (Jorge Camacho) kaj Ĉinio (Fabina kaj granda grupo el Wuhan). Ramsey Cardwel el Usono loĝis en suda urbo Kaohsiung por 6 monatoj lernante la ĉinan lingvon.

Krome unu el niaj aktivaj membroj Prof. Cho Chao-Ming vojaĝis al kelkaj landoj uzante Esperanton. Rico Chen, Yvonne Chen kaj Jolie vizitis Koreion por partopreno en Meditada seminario kaj Ingrid kaj Yvonne iris al Ĉinio por unumonata kurso internacia. Manlajo ankaŭ partoprenis ĝin kaj seminarion. Liru Chen vizitis Svision kaj Francion kaj gastis ĉe Esperantistoj. Ŝia 18 jara filo ChuYing kaj loka junulino kune partoprenis en SES seminario en Slovakio.

去年我們有許多訪客。分別來自伊朗（Azar Karimi博士、）日本（臼井裕之）、韓國（敏敏和兩位同伴）、西班牙(荷黑．甘馬丘)及中國（余細妹和武漢世界語旅行團）。來自美國的Ramsey Cardwel爲了學中文住在高雄六個月。

我們活躍的成員們除了卓照明教授曾用世界語造訪過幾個國家，Rico、Yvonne 和 Jolie 參加了韓國冥想研討會，Ingrid 和 Yvonne 到中國參加爲期一個月的課程。Manlajo 也前往並參加西安世界語研討會。陳麗如拜訪瑞士、法國，也作客世界語者家。她 18 歲的兒子竺影和一位女生怡婷參加了斯洛伐克世界語暑期營。

## 4- Tradukoj

Kiel kutime ankaŭ pasintjare Prof. Wang Jiukwei senlace kaj daŭre tradukis multajn ĉinajn gravajn kaj bonajn literaturaĵojn kaj novelojn. Malgraŭ sia aĝo (nun 80 kelkaj) kaj unu akcidento, do ne tiom bonfarto, li ne ĉesis tiajn tradukojn. Tiel, nia Tajvana Esperantistaro povis profiti el tiuj tradukoj por plialtigi sian kapablon de la lingvo.

一如既往，去年王九逵教授仍孜孜不倦地翻譯許多重要的中文佳作。儘管已經八十幾歲，且因遭遇一次意外健康欠佳，他並沒有停止翻譯，如此台灣世界語者們能從這些譯作中獲益，提升自己的語言能力。

# Vizito de Japana akademiano al Tajvano

S-ro Usui Hiroyuki estas japana veterana Esperantisto kiu de antaŭ du jaroj laboras profesie ĉe El Popola Ĉinio, la reta gazeto, kies oficejo estas en Pekino.

Li tre flue parolas Esperanton kaj estas membro de Akademio de Esperanto, kiu estas la grupo ke decidas pri novaj vortoj en Esperanto.

Kiam Reza Kheirkhah unuafoje vizitis Japanion antaŭ dudek kelkaj jaroj, li faris multajn prelegojn en diversaj Esperanto-kluboj kaj urbaj instancoj. Tiam, multaj japanoj interpretis lin el Esperanto al la Japana lingvo, sed inter ili, Usui estis la plej bona kaj preciza interpretisto, laŭ Reza.

Usui restis en Tajvano dum ĉirkaŭ 10 tagoj kaj renkontis Benjamin, Kanada Esperantisto, kiu nun loĝas en Tajpeo. Sed plej longe li restis en Pingtung, suda urbo, kie ekzistas kurso de Esperanto kaj Esperantistoj. Ankaŭ lin gvidis Prof. Cho (konata kiel Abengo) en Kaohsiung, la dua plej granda urbo de Tajvano.



Usui survoje al Pingtung el Tajpeo vizitis Taichung, grandan urbon en la mezo de Tajvano kaj tie lia japana amiko aranĝis por li prelegon pri Esperanto en DonHai universitato por studentoj, kies fako estas la japana lingvo.

En Pingtung li prelegis por lokaj studentoj de Esperanto en Komunuma Kolegio pri sia nuna laborejo en Pekino kaj sia Esperanta kariero ekde kiam li eklernis Esperanton, kiam li estis dekkelkjara.

Li rapide studis la ĉinan lingvon dum tiu dujara restado en Pekino kaj nun povas relative bone komuniki per ĝi.

# Katvilaĝo en Tajvano miaŭante vokas

USUI Hiroyuki

En novembro 2014 mi decidis viziti Tajvanon kaj ankaŭ mia edzino konsentis veni tien el Japanio dum la unua duono de mia 9-taga restado, kiu daŭris de la 5-a ĝis la 14-a de novembro. Por ni ambaŭ estis la unua fojo viziti Tajvanon.

## Iam kaverno de simioj, nun valo de katoj



Mia edzino kun kato en la "katvalo"

Ŝi enketis pri la vizitindaĵoj en kaj ĉirkaŭ Taipei, kaj esprimis sian deziron viziti siaspecan "katvilaĝon" en montara regiono. Mi volonte konsentis pri tio, ĉar ankaŭ mi estas ka(t)marado. La loko kurioze nomiĝas *Houtong*, laŭnome kaverno de simioj, ne de katoj.

La nomo devenas de la fakto, oni klarigis, ke iam en la pasinteco en proksimaj kavernoj loĝis multe da simioj. Nuntempe la simioj ne plu vivas ĉi tie, sed ja vivas katoj kiuj cetere certe ne ŝatus loĝi en kavernoj.

La vilaĝo kuŝas ĉe valo, kiun verŝajne proksima rivero elkreis dum miloj da jaroj. Do en Esperanto mi volus bapti la lokon per la nomo: "valo de katoj" aŭ pli mallonge "katvalo" aldone al la jam uzita "katvilaĝo".

La 6-an de novembro, ĵaŭde, ni veturis de la stacidomo de Taipei per trajno de la Tajvana Fervojo. La katvalo situas laŭ montara fervoja linio, kaj kvankam la idilia etoso de la regiono estas plaĉa, trajnoj ne veturas tiom ofte nek rapide.

Ni bezonis ĉ. 50 minutojn por alveni al la celo. Estis tamen saĝa elekto viziti la katvilaĝon en labortago, ĉar oni diris al ni, ke en semajnfinoj svarmas vizitantoj, kiuj venas rigardi la katojn.

## Kat-industrio anstataŭ karbo-industrion

En 1890, kiam oni trovis oron en tiu ĉi regiono, ĉi tien komencis enveni laboristoj. En 1920 ekfunkciis fervoja linio kaj komenciĝis amasa elfosado de karbo. Iam la ĉi-tiea minejo estis la plej granda en la tuta insulo kaj loĝis preskaŭ 6 mil minejaj laboristoj kaj iliaj familianoj.



Malantaŭ la kato videblas la katforma ponto.

La prospera tempo tamen daŭris ĝis la 1970-aj jaroj. Pli poste la karboindustrio fariĝis iom post iom eksmoda, kaj en 1990 oni komplete ĉesigis la produktadon de karboj en *Houtong*.

Granda parto de la loĝantoj translokiĝis al Taipei kaj la vilaĝo fariĝis pli kaj pli dezerta. Sed restis iom da homoj, precipe maljunuloj, kaj kun ili ankaŭ katoj, ĉar jam dum la karbomineja tempo oni bredis ilin por forpeli ratojn. Estis tamen nur en 2009, ke iuj kat-amantoj ekhavis ideon ekspluati la ekziston de katoj kiel turisman allogaĵon.

En Marto 2013 la loka registaro (la vilaĝo apartenas al la grandega urbo Nova Taipei) elspezis 18 milionojn da tajvanaj juanoj (ĉ. 578 mil usonaj dolaroj)

por renovigi ponton super la stacidomo, kiu ne nur estas katforma sed onidire la sola ponto en la mondo uzata kaj de homoj kaj de katoj.

**Du flankoj de la kat-turisma industrio?**

Evidente la kat-turisma projekto sukcesis. La averaĝa kvanto de la uzantoj de la stacidomo de *Houtong* en 2008, do antaŭ la lanĉo de la projekto, estis nur 133 personoj. Mankas stastistiko por 2009, sed ekde 2010 (391 personoj) la nombro grandiĝis jaron post jaro kaj en 2013 ĝi atingis eĉ 799.

Pro tiu sukceso en novembro 2013 la usona televid-reto CNN elektis *Houtong* kiel unu el la sep elstaraj kat-turismejoj de la mondo.

Tiuj kiuj antaŭenigas la projekton klopodas bridi la nombron de katoj, per diversaj avertoj admonas al la publiko ne alporti kaj lasi katojn en la komunumo, vakcinas la loĝantajn katojn kaj purigas la katvalon.

Malgraŭ tiuj klopodoj, iuj diras, ke esence *Houtong* ne estas tre taŭga loko por katoj por loĝi ekzemple pro la granda humideco.

Nur en julio ĉi-jare en la reto okazis granda polemiko, kiun elvokis artikolo en iu blogejo, kies estro skribis, ke kat-amantoj ne vizitu *Houtong* ĉar tie fakte ne estas paradizo sed infero por katoj. Iuj simpatiis al tiu blogestro, ke la registaro utiligas la katojn sed ne sufiĉe zorgas pri ili. Aliaj tamen trovis, ke lia artikolo estas tre subjektiva kaj la katvalo fakte ne estas infero por katoj.

**La katoj ŝajnis feliĉaj en niaj okuloj**

Pri tiu ĉi afero ni tamen ekscios nur post la vizito. Aŭ preskaŭ, ĉar en kafejo, kiun ni vizitis, ni ja vidis iom malnovan numeron de ĵurnalo, kiu raportis pri la lastatempa disvastiĝo de epidemio inter katoj. Tiu raporto menciis, ke bestokuracisto vizitos la vilaĝon pli ofte por ekzameni la katojn.

Almenaŭ en la tago de nia vizito la katoj de la katvalo ŝajnis tute feliĉaj. Ili ĝenerale ne timas homojn.

# <u>Esperantaj Vojaĝoj de Tajvananoj</u>

## <u>Vojaĝo de Liru</u>

我的世界語之旅

今年夏天，是我生平第二次歐洲之旅。同時，也是我第一次學世界語之後出國。
短暫的在日內瓦停留的兩天，我住宿在世界語家庭雅各家；與日內瓦世界語協會 Esperanto Genève Régions 世界語者見面，看到了她們在市區上課的方式。
雅各夫妻曾以世界語旅行國外，如蒙古。所以，他們也非常樂於接待外國來的世界語者，他們三個小孩，除了最小的，只有小學四年級，還是世界語初學者，其餘國中及高中的兒女都在學校學了世界語，能夠以世界語對我提問。
到了法國巴黎，我參觀了巴黎世界語協會辦公室 Esperanto France，也看到了他們年輕而活躍的的世界語者所正在發展的世界語溝通社群。

Mia Esperanta Vojaĝo

ĉi somere , mia dua vojaĝo al Eŭropo, ankaŭ estis mia unua esperanta vojaĝo. Dum du-taga restado en Ĝenevo (de Svisio), mi gastiĝis ĉe hejmo de esperantisto Jacques. Mi renkontis geeserantistojn de Ĝeneva Esperanto-Asocio, kaj ĉeestis en ilia leciono kiu okazis en kafejo. Geedzoj Jacques iam vojaĝis al fremdlandoj kiel Mongolio. Kun plezuro ili ankaŭ gastigas esperantistojn el fremdlandoj. El iliaj tri gefiloj, krom la plej eta, nur kvara lernjaro kiu ankoraŭ estas komencanto, la aliaj kiuj lernis Esperanton en mezalta lernejo kapablas demandi min esperante.

En Parizo (Francio)，mi iris al oficejo de Pariza Esperanto-Asocio , kaj tie vidis

ke la junaj kaj aktivaj esperantistoj estas evoluiganta grupon por komunikado.



En parko



下午茶時光，在公園裡。**Posttagmeza teo-tempo en parko**

# Venu kaj lernu Esperanton kun ni

來吧，和我們一起學世界語

Raportas Yvonne

**Laŭ Ingrid, mi estas la sola kursano, kiu aliĝis al kurso de Esperanto en Komunuma Kolegio de komenco ĝis nun. Al mi plaĉas lerni Esperanton, paroli Esperanton, renkontiĝi kun esperantistoj el fremdlandoj. Ŝajnas al mi, Esperanto estas bela kaj lerninda lingvo. Januaron mi iris al Koreio kun Rico kaj Jolie. Ĉi-somere mi iris al Ŝi'an en Ĉinio por Esperanto-kurso kaj seminario kun Ingrid kaj Manlajo. Esperanto amuzigas vian vivon. Mi petas ke vi venu kaj lernu Esperanton kun ni! Dankon!**

照 Ingrid 所言，我是社大世界語班的元老了，是唯一一開始就參與的學員。我喜歡學世界語、說世界語和認識外國世界語朋友。我認為世界語是美麗且值得學習的語言。一月我和 Rico、jolie 去了韓國。今年暑假我和 **Ingrid**、**Manlajo** 去西安參加世界語課程及研討會。世界語使我的生活更精彩。來吧！請你和我們一起學習世界語。謝謝!




台灣、韓國、中國和尼泊爾的學友合影留念

# Spertoj de miaj Esperantaj vojaĝoj

我的世界語旅行經歷

Raportas Abengo

阿明哥報告

Post mia esperantiĝo en Julio 2006 mi vojaĝis en 14 landoj per Esperanto kaj por Esperanto. Nun mi rakontas spertojn de miaj vojaĝoj laŭ landoj. Al kelkaj landoj mi vojaĝis ne nur unufoje.

自從我於 2006 年 7 月成爲世界語者之後，用世界語，且爲了世界語運動旅行至十四個國家。現在依分國別說明。有些國家曾訪問不只一次.

## 1. Vjetnamio 越南 (2007, 2012)

- Julio, 2007 al Hanojo, renkontiĝo kun vjetnamaj esperantistoj. Mi donis prelegon je Hanoja Universitato al la esperantistoj per Esperanto. La temo de mia prelego: Vejtnamoj en Tajvano (laboristoj, edzinoj, studentoj).

  在 2007 年護送越南留學生回國時順便訪問在河內的世界語協會. 協會安排我在河內以世界語專題演講，講題是在台灣的越南人，聽講的有一百名以上，都是年輕的學生。



VJETNAMAJ ESPERANTISTOJ ESTAS JUNAJ KAJ BELAJ
越南的世界語者都是年輕美麗

- La 97a Universala Kongreso de Esperanto okazis de la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto 2012 en Hanojo. Mi kaj Manlajo de Tajvano partoprenis en tiu kongreso. Post la kongreso mi vojaĝis tra la lando por du semajnoj. Dum la kongreso mi donis prelegon kaj proponon ĉe la faka kunsido pri la esperantigo de aziaj vortoj.

- Cetere mi sukcesis fari KER-Lingvoekzamenon, Esperanto, nivelo 3A (alta nivelo).

  於 2012 年七底至八月初在河內召開第九十七屆的環球世界語大會。台灣方有我和游萬來教授參加。我在大會的專題討論發表亞洲詞彙世界語化的方案。又在大會參加世界語的能力檢定考試，通過高級檢定。大會之後留在越南大約兩星期，訪問南北越名勝。

## 2. Ĉinio 中國 (2009, 2011, 2012)

- Decembro, 2009 al Nankino por partopreni en la 8a Tutlanda Esperanto-kongreso, poste mi vizitis la Municipalon Chongking ĉirkaŭ 1 monaton.

  到南京參加中國第八屆世界語大會.會後轉到重慶與當地的世界語者交流並遊覽名勝。

- Mi vojaĝis al Wuhan de Hubei-provinco, Ĉinio, por la 16a Seminario de la Hubei-a Esperanto-Asocio (HEA) kaj la 2011a Jarkonferenco de la Organiza Societo de la Internaciaj Esperanto-Konferencoj (OSIEK) de UEA. Pli ol 60 e-istoj el 8 landoj partoprenis en la konferenco. La temo de konferenco estis ĉirkaŭ Ĉina saĝo. Mi faris prelegon pri la Iĝingo kaj ĝia moderna aplikado.

  到湖北武漢參加有關中國智慧的國際研討會，在會中討論我對易經的看法。會後留在湖北與世界語者交流和參觀當地名勝。

- Mi vojaĝis al Kantono en 2011 kaj vizitis Babilturon, centron por esperanta instruo kaj Movado.

  旅遊至廣州市，住在名爲通天塔的世界語中心，與當地世界語者交流，也用世界語演講台灣的世界語發展現況。

- En 2012 mi vojaĝis kun korea esperantisto So Gilsu, ĉefe en Provinco Guangdong, por viziti kelkajn budaismajn monaĥejojn. Dum la vojaĝo mi kaj li partoprenis en la Zamenhofa Festo en la urbo Kantono.

  和韓國的世界語者徐吉洙教授訪問在廣東省和江西省的一些佛寺，順便參加在廣州市的柴誕節。我在會中介紹台灣的名勝和介紹在屏東的世界語活動。

## 3. Mongolio 蒙古 (2010)

- Junio 2010, Mi partoprenis en la 6-a Azia Esperanto-Kongreso en Ulanbatoro kaj dum la kongreso mi prezentis la vidindaĵojn de Tajvano al

la kongresanoj. 我和王九逵教授一起到蒙古首都烏蘭巴托參加第八屆的亞洲世界語大會。

## 4. Koreio 韓國 (2009 - 2011)

- Julio, 2009 al Iksan. Partopreno en 4a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Ŭonbulisma Meditado. Mi donis prelegon pri la aspektoj de religioj en Tajvano.
  我參加在益山召開圓佛教國際世界語交流會，在會中發表有關台灣的信仰和宗教活動。

- 2010, al Seulo por 5-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado, mi faris prelegon pri la belega insulo Tajvano. Post la kunveno mi iris al iu templo, kie So Gilsu trijare retretis por sia budaisma studado.
  我在 2010 年 8 月再度到韓國首爾參加第五屆的圓佛教世界語交流會，會後訪問暫時閉關修行研究的徐吉洙教授。

- 2011, privata vizito al korea esperantisto So Gilsu.
  私人訪問世界語者徐吉洙教授，爲了和他一起查證一些中國近代佛教的懸疑。我們的共同的工作語言是世界語。

## 5. Japanio 日本 (2012)

- Oktobro 2012 al Sapporo de Hokajdo, mi partoprenis en la Jara Kongreso de Japana Esperanto-Instituto, kaj parolis pri la Kontraŭnuklea Movado en Tajvano.

## 6. Indonezio 印尼 (2013)

- En majo 2013 mi vojaĝis por partopreno en la unua indonezia Esperanto-kongreso en Bogor apud Jarkata.
  我於 2013 年到雅加達參加第一屆的印尼世界語大會。

Ĉestantoj de la Indonezia
Esperanto-Kongreso
參加第一屆印尼世界語大會的會員

## 7. Germanio 德國 (2008, 2013)

- Aŭgusto, 2008 mi vojaĝis al Germanio profesie kaj uzis la okazon renkontiĝi kun Bremenaj Esperantistoj.
  公務旅行至德國，順便到布雷門市，與當地世界語者交流。
- Majo, 2013 Por Germana Esperanto -Kongreso dum la 17a ĝis la 20a de Majo mi vojaĝis al Nurenbergo, kaj poste restis en Germanio aŭ ĝia ĉirkaŭaĵo unu monaton. Krom Nurenbergo mi vizitis germanajn urbojn Dresdeno, Pirno, Berlino, Kolono , Akeno, Herzbergo, Baselo ktp.



## 8. Pollando 波蘭 (2013)

ESPERANTISTOJ EN POLUJO 波蘭的世界語者

- Tintilo, iama estrino de Tajvana Esperanto-Asocio 來自台灣的王鐘伊，首任台灣世界語協會的女會長
- Joakimo Wertin, iama esperanta instruisto por tajvanaoj 1990年代來台灣教世界語的波蘭人 ，與王鐘伊結婚，今住波蘭Poznam
- Hungara profesoro pri Esperanto en Poznama Universitato 在波蘭大學教世界語的匈牙利教授

- Post la partopreno de germana Esperanto-kongreso en Nurenbergo mi vizitis la Universitaton Adam Mickiewicz (UAM) Poznań, tie mi parolis kun hungara esperanta prof. Ilona Koutny kiu estas esperanta lingvisto en UAM kiu estas la sola universitato en la mondo kiu ofertas la studon por magistra diplomo en Esperanto. Post la vizito de universitato mi kun ŝi kune vizitis Tintilon kaj ŝian edzon Joachim Werdin. Ili gastigis min dunokte. Tintilo estis la unua estrino de Tajvana Esperanta Asocio dum 1995.

我在波蘭的 Poznan 市訪問著名世界語教授 Ilona，之後一起會見王鐘依女士及她的先生，他是曾到台灣教世界語的魏丁老師。王鐘依是台灣世界語協會的第一任會長。我在他們家住兩個晚上，遊覽該市。

## 9. Nederlando 荷蘭 (2013)

Mi vizitis la Oficejon de UEA en Roterdamo kaj parolis kun 7 funkciuloj de UEA kaj aĉetis kelkajn librojn de UEA-Librovendejo.

到鹿特丹訪問環球世界語協會總會所與其中的七名同事會話並在總會的書局

買了一些世界語圖書.




- Junio 2013, en Apeldoorn, mi estis gasto de nederlanda esperantisto Anneke kaj ŝi aranĝis mian turismon en la urbo kaj akompanis min. Ŝi ankaŭ aranĝis renkontiĝon kun lokaj esperantistoj por mi.
  到 Apeldoorn, 住在 Anneke 的家，並與當地世界語者交流。
- Mi vizitis malnovan urbon Mastrikton (de Alkeno al Mastrikto bezonas ĉirkaŭ 1 horan veturon per aŭto)
  從德國邊境到馬斯垂克古都。

## 10. Belgio 比利時 (2013)

- Mi loĝis ĉe la hejmo de mia iama germana kominitono. Lia hejmo estas tre proksime al germana Urbo Alkeno. En Belgio mi vizitis Lieĝon. Bedaŭre mi maltrafis la okazon renkontiĝi kun belgiaj esperantistoj. 在比利時住了幾天，到列日市觀光，但錯過與世界語者交流。

## 11. Francio 法國 (2013)

- Tra la aranĝo de Anne mi loĝis ĉe Bertrand en Sankto Louis, franca urbo ĉe la germana kaj svisa landlimo.

因爲 Anne 的介紹，我到聖路易市□問，該市在瑞士和德國邊界。我住在她的世界語老師 Bertrand 家裏。



- Anne estas entuziasma esperantisto kaj ŝi en 2011 venis al Tajnano por lerni ĉinan lingvon. Ŝi konis la esperantajn samideanojn pro ŝi tie partoprenis en Pindonga Zamenhof-festo. Anne gvidis min viziti Strassburgon.

Anne 帶我到阿爾薩斯的史特拉斯堡觀光



- Bertrand estas la esperanta instruisto de Anne kaj veterana espernatisto. Li veturigis min al la naskiĝloko de Albert Schweizer Kaysersberg kaj lia hejmurbo en juneco Gubsbach, tie troviĝis la Muzeo de Albert Schweizer kaj liaj memoraĵoj.

法國朋友 Bertrand 帶我到史懷哲醫師的故鄉參觀史懷哲的故居和他的紀念館。

- Bertrand kaj Anne aranĝis esperantan vesperon kaj ĉirkaŭ 8 lokaj esperantistoj venis. Ili tre ŝatis scii aferojn pri Tajvano.

安排與當地法國世界語者交流，他們很想知道台灣的情況。

12. Svisio 瑞士 (2013)

- Mi dum jaroj 1979 ĝis 1982 laboris en Svisio, pro tio mi vizitis mian iaman amikon en julio 2012. Kun li kaj lia edzino mi vagis tra la bela alpina montaro. Mankis al mi tempo, alie mi vizitus faman esperantiston Mirejo.

我曾在瑞士工作三年，因此在　2012 年之歐洲之旅我安排訪問瑞士，見在瑞士居住的老朋友。他和他的太太陪我在在雪地爬山和到各處旅行。我教他們世界語。因爲時間示足,不能拜訪曾到台灣訪問的瑞士世界語 Mirejo.

## 13. Usono 美國 (2012)

- Invitita de prof. So Gilsu, fama korea esperantisto, mi vojaĝis kun li al kelkaj budaismaj institutoj en Usono. Dum la vojaĝo mi parolis kun So Gilsu nur Esperante.
  應邀和韓國世界語者徐告洙到美國訪問佛教團體大約十天,行程中與徐教授都是用世界語交談。

## 14. Kanado 加拿大 (2014)

- En 2014 mi vojaĝis al Kanado por partopreni en la NASK (Nordamerika Somera Kursaro) en Vankuvero. Mi estis ĉe la altnivela klaso, kaj la instruisto estis hungara esperantisto Istvan Ertl. Li estas unu el la redaktoroj de Beletra Almanako. Mi faris du prezentadojn, unu pri Iĝingo kaj la alia pri Ĉina kaligrafio.
  我到加拿大溫哥華參加北美 世界語修課程高級班，Istvan Ertl 是指導老師，他是 Beletra Almanako 的編輯者之一。在研習會中我用世界語給了兩個演講，一個是有關易經，一個是有關中國的書法。
- Post la NASK-kurso mi iris al Viktorio por partopreni en la seminario pri la maturigo de Esperanto-movado kaj la komuna Esperanto-Kongreso de usonaj kaj kanadaj esperantistoj.
  世界語研習會 NASK 之後轉到維多利亞參加世界語運動的講習會及加拿大和美國的共同世界語年會。
- Dum ĉi tiu vojaĝo mi vere havis bonajn ŝancojn paroli kun altnivelaj esperantistoj.
  在此次的加拿大之旅，我真正有機會和他界語能力強的人交談，因此進步很多。

## Konkludo 結語

Per Esperanto oni gajnas multajn konojn kaj amikiĝas kun bonaj samideanoj eĉ se oni ne vojaĝas en aliajn landojn, sed per vojaĝo oni pli bone kaj pli facile spertas la buntecon kaj taŭgecon de Esperanto.
用世界語可以增廣見識和結交世界語朋友,甚至不需旅遊;但是配合旅遊更體會到世界語的多彩多姿和其用處。

# Du Poemoj de Jorge Camacho



**"trans fenestro"**

ne kredu ke vento
branĉojn balancas.

trans fenestro
homsimile
arboj dancas.

**“窗外”**

不要以爲
是風在搖著樹枝

窗外
那些樹就像人們
在跳舞

* * *

Rigardu arbon.
Ĉu vi ne miras?

Dum vi rigardas
aŭ preterhastas,
arbo spiras.

瞧著一棵樹
你不感到驚奇嗎？

當你凝目注視
或者一瞥而過
樹都在呼吸

# 向晚的淡水

# Tamsui en Vespero

## 林文義 (1953－)

## Far Lin Wen-yi (1953－)

Elĉinigis Ju-kwei Wang

最後的一班渡輪吧？我倚在船尾的欄杆畔，望著船過而激起的白色波痕。向晚的海風溫柔和暢，微微地吹起紊亂的黑髮，一如海風微微地吹起潮水。「北淡線的火車就要開了。」船戶向我說。我搖搖頭：「我搭公路局班車回去。」其實心裡想說：乘著這柔和的海風回去吧。但是否太詩意了？畢竟從八里鄉到淡水鎮，是一次最美麗的航程呢。

**Eble estas la lasta pramo. Mi apogas kontraŭ la balustrado ĉe ĝia pobo rigardante la blankan ondon kiun ĝi agitas. La vespera marvento estas milda kaj komfortiga. Ĝi blovetas miajn nigrajn nekombitan hararon samkiel la ondon. "La trajno de Tamsui al Tejpeo baldaŭ ekveturos," diras la pramisto. Mi kapneas kaj diras: "Mi revenos per buso," sed mia koro diras al mi, ke mi veturos hejmen per la milda marvento. Kia poezia ideo! Entute la veturo de Bali al Tamsui en pramo estas belega vojaĝo.**

我的右眼，是逐漸轉暗的大屯山巨大的影子；左眼則是在夕陽裡，滿身通紅，蒼老而憂愁的紅毛城。淡水，越來越近，我年少時，感情的小城啊！船戶專注地掌著舵，準備將船緩緩地靠岸；藍色調的小碼頭像塞尚筆下動人的畫幅。我忽然覺得，這好似一種情愛般的依偎：最後一班船，泊岸而棲，靠在岸那堅實而沉默的懷裡，頂著滿空璀璨的星子，靜靜地、滿足地歇息著；想著，船已靠岸了。

**Mia dekstra okulo estas vualita de la enorma malhela ombro de Monto Datun, kaj mia maldekstra okulo vidas la ruĝan sunlumon sur la nederlanda kastelo San Domingo. Tamsui, la emociplena urbeto dum mia juneco, alproksimiĝas. La pramisto koncentre stiras la rudroradon por albordigi la ŝipon. La kajeto kun blua nuanco similas amindan pentraĵon de Paul Cezanne. Mi tuj sentas, ke la lasta ŝipo de la tago kun amo apogos sin kontraŭ la fortika korpo de la kajo por kvieta kontenta ripozo sub la ĉielo plena de brilaj steloj. Tiel pensante, la ŝipo jam albordiĝis.**

先我上岸的，是一對年輕的夫婦（或是戀中的情伴？），男的用力將隨船過來的摩托車拉上岸，女的則在後頭用力地往前推。但他們並沒有馬上發動、騎走，反而在小碼頭魚販那兒買了兩條海魚，滿足地帶著一臉笑意，騎著機車，輕盈地離去。也許，他們的家居就在小鎮的一角，看看那些日本

式的木質房子，外頭是磚砌的小紅牆，紫色的藤花從牆裡延生到牆外，牆外是幽深的小巷，而小巷的盡頭是一片發亮的海，或許泊著幾艘美麗的小舢舨。

Juna paro de geedzoj aŭ eble geumikoj(1) alteriĝas antaŭ mi. La junulo pene portas sian motorciklon al la bordo, kaj la junulino helpis puŝi ĝin. Antaŭ foriro ili aĉetas du marfiŝojn ĉe varfo, kaj ridetante kaj leĝeranime forekveturas. Eble ilia loĝejo estas inter la japanstilaj lignaj domoj ĉe angulo de la urbeto. Tia domo estas ĉirkaŭita de ruĝa brika muro. Visterio en la korto montras siajn purpurajn florojn al ekster la muro, kie vojeto kondukas al la brila maro, ĉe kies bordo parkis kelkaj elegantaj sampanoj.

遠遠小小地，無數的方窗裡都已上燈，暈黃或青色的，都是溫暖而又令人充滿渴求的一種情意。這濱海的小鎮，向晚時展露出一種無比的輝煌，像油畫裡那種極濃烈的色彩似的。向晚將落的夕陽，先用美麗溫潤的純黃來打底色；而後用濃烈的純紅與金黃來加強小鎮向光的臉顏，而在背光面，則是幽藍地。在古老迂迴的巷道裡，你從一個轉角拐了過來，一張垂暮的老人臉顏會猛然進入你的眼中，老人就入定地端坐在褪色的門楣下方，悠閒地搖著蒲扇，丟給你一朵極爲古老而又慈藹的微笑。

De malproksime oni vidas malhelflavajn aŭ arĝentkolorajn lamplumojn tra multaj kvadrataj fenestroj, kiuj varmigas la sopirantan senton de la vidanto. Tiu urbeto ĉe marbordo dum vespero montras nekompareblan pompecon, kiel la fortikajn kolorojn de olepentraĵo. La subeniranta suno per varma flava pigmento farbas la bazon de la pentraĵo. Ĝi pentras per ruĝa pigmento kun iom da orflava nuanco la flankon de la urbo kontraŭ si, kaj per malhelblua pigmenton pentras la ŝirmitan flankon. Kiam vi turnas tra sinuo de la antikva zigzaga strato, senila vizaĝo subite aperas antaŭ viaj okuloj. Estas maljunulo kiu sidas sub la lintelo de sia domo, skuante sian ventumilon el palma folio. Li ĵetis al vi afablan oldulan rideton.

我從小巷進去，巨大的古老教堂在逐漸轉暗的暮色裡以巍峨之姿俯向我，幾隻白鴿繞著塔尖輕盈地低飛著，像在異國的感覺，愛琴海畔的一個小國吧？他們的每一扇哥德式的小窗，在向晚時，都要擺上一盞點燃的燭臺，整個城就燭影搖曳……而這兒不是幽藍的愛琴海岸，這兒是淡水，一個濱海的小鎮。

Mi eniras vojeton. Kolosa antikva kirko sub mallumiĝanta ĉielo kiel giganto suben rigardas min. Kelkaj blankaj kolomboj flugas ĉirkaŭ la pinto de la turo. Mi sentas min kvazaŭ en iu malgranda lando ĉe Egea Maro. Tie dum vespero ili metas kandelon ĉe ĉiu gotika fenestro, kaj la tuta urbo skuas kun la kandelaj flamoj... Sed ĉi tie estas Tamsui, urbeto apud maro en Tajvano, ne apud la Egea Maro.

我想起一個現在已經年邁了的歌手，他曾經寫過一首動人心坎的歌謠：淡水暮色。前年的秋天，我在南部一家潮溼而又簡陋的歌廳裡，聽到他用著依然渾厚，卻不再宏亮的嗓子，幽幽地自彈自唱那首老歌。他已不再年輕，而他心中那首歌，是否暗示著一種哀傷與年華的不再呢？暮色沉沉，我整

